

# ESPERANTO



DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono. . . . Sm. **4.—**

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**

HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)




## AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ

**Cirkulera letero de D-ro L.-L. ZAMENHOF**

En la jaro 1900, kiam la esenco de la internacilingva afero estis ankoraŭ tro malmulte konata kaj la mondo pensis, ke ekzistas diversaj lingvoj internaciaj, kiuj inter si batalas, sinjoroj Couturat kaj Leau en Parizo fondis « Delegacion », kies celo estis : peti la Internacian Ligon de Akademioj, ke ĝi esploru, kiu el la ekzistantaj artefaritaj lingvoj taŭgas plej bone por la rolo de lingvo internacia, aŭ elekti mem komitaton, kiu esplorus tiun ĉi demandon. Kvankam, de la jaro 1900 ĝis nun, la vivo jam *mem* solvis la diritan demandon, tamen, por plenumi sian promeson, la Delegacio, en Oktobro 1907, kunvokis komitaton, kiu devis elekti lingvon internacian. Sed bedaŭrinde la komitatanoj ne ĝuste komprenis sian taskon, kaj, elektinte Esperanton, ili decidis fari en ĝi *reformojn*, forgesante, ke tia tasko tute ne estis kaj neniam povis esti komisiita al ili. Tiu ĉi tre bedaŭrinda decido estis kaŭzita de kelkaj tre gravaj malkompreniĝoj :

1° Oni forgesis, ke la afero de lingvo internacia estas nun ankoraŭ en la stato de *propagando ;* ke la mondo ne akceptas lingvon internacian ne pro tiuj aŭ aliaj ĝiaj *detaloj*, sed nur pro malkonfido al la *tuta* afero ; ke sekve nun ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj kaj gustetoj, kaj ni ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en plej severa *unueco ;* por ke ni akiru por nia afero la *konfidon* de la mondo. Kiam nian aferon prenos en sian manon ia granda *forto* (ekzemple la registaroj de la ĉefaj landoj), kiu per sia potenco povos doni al ni ne senvalorajn tro memfidajn vortajn promesojn, sed plenan *garantion*, ke ĝi alkondukos nian aferon al la celo *pli certe* ol ni kaj ke ĝi ne faros facilanime iajn decidojn, antaŭ ol ili *tute maturo* kaj perfekte estos pripensitaj kaj praktike *elprovitaj* kaj *fiksitaj*, tiam ni povos konfide transdoni al tiu potenca forto la sorton de nia afero ; sed se *privataj* personoj, kiuj havas nek ian aŭtoritaton, nek ian forton, postulas, ke ni forlasu la vojon, kiun ni pacience kaj sukcese sekvis en la daŭro de multaj jaroj, kaj ni komencu plej danĝerajn rompajn eksperimentojn, ĉiuj veraj esperantistoj energie protestos. Nun, kiam ni estas ankoraŭ tro malfortaj, ni povas atingi nian celon nur per *severa disciplino* kaj per *absoluta unueco ;* alie ni pereigos nian tutan aferon por ĉiam, por *ĉiam ;* ĉar kiu scias, kun kia grandega malfacileco kaj per kia superhome pacienca dudekjara laborado de multaj miloj da personoj estas atingita la nuna favora rilato de la mondo al nia afero, tiu komprenas, ke se, pro interna malpaco, Esperanto nun pereus, la mondo jam neniam, *neniam* volos ion aŭdi pri ia nova lingvo internacia, eĉ se ĝi estus ne senviva teoria produkto de multaj reciproke malproksimaj kapoj, sed la plej genia kreitaĵo ! Mi ripete memorigas tion ĉi al la reformistoj, mi ripete kaj insiste petas ilin, ke ili pripensu, kion ili faras, ke ili ne ruinigu tiun grandan kaj gravan aferon pro kiu ni ĉiuj laboras kaj por kies ebla pereo la posteuloj iam severe nin juĝus.

2° Oni forgesis, ke ne sole eĉ en sia nuna formo Esperanto en la praktiko montriĝis perfekte taŭga por sia rolo kaj ke plibonaĵo povas fariĝi danĝera malamiko de bonaĵo, sed ke se eĉ *efektive* aperus la neceseco plibonigi Esperanton, la solan kompetentecon kaj rajton por tio ĉi havas ne flankaj personoj, sed nur la *esperantistoj mem.* Kaj en ĉiu momento, kiam plibonigoj montriĝos efektive necesaj kaj ĝustatempaj, la esperantistoj tre facile *povas* ilin efektivigi. Ĉar ĉiu rakontado pri ia baro, kiun kvazaŭ prezentas la Bulonja Deklaracio, aŭ pri ia kvazaŭa senviveco kaj senforteco de nia Lingva Komitato, estas simpla malvero, per kiu oni penas fortimigi de ni tiujn personojn, kiuj ne konas bone la staton de la aferoj.

Ĉiu, kiu legis la antaŭparolon de la « Fundamento de Esperanto », scias tre bone, ke ĝi ne sole ne prezentas ian baron kontraŭ la evolucio de la lingvo, sed kontraŭe ĝi donas al la evolucio tian grandegan liberecon, kiun neniu alia lingvo iam posedis eĉ parte. Ĝi donas la eblon, se tio estus necesa, iom post iom eĉ ŝanĝi la tutan lingvon ĝis plena nerekonebleco ! La sola celo, kiun la Fundamento havas, estas nur : gardi la lingvon kontraŭ *anarĥio*, kontraŭ reformoj *arbitraj* kaj *personaj*, kontraŭ danĝera *rompado*, kontraŭ forjetado de malnovaj formoj antaŭ ol la novaj estos sufiĉe *elprovitaj* kaj tute definitive kaj sendispute *akceptitaj*. Se la esperantistoj ĝis nun tre malmulte faris uzon de tiu granda libereco, kiun la Fundamento al ili donas, ĝi ne estas kulpo de la Fundamento, sed ĝi venas de tio, ke la esperantistoj komprenas tre bone, ke lingvo, kiu devas trabati al si la vojon ne per ia potenca dekreto, sed per laborado de amasoj, povas disvolviĝi nur per tre singarda vojo de natura *evolucio*, sed ĝi tuj mortus, se oni volus ĝin disvolvi per kontraŭnatura kaj danĝerega vojo de *revolucio*.

Cetere, se la Bulonja Deklaracio efektive prezentus ian malbonaĵon aŭ neprecizaĵon, kiu do malpermesas, ke iu proponu ĝian ŝanĝon aŭ eĉ ĝian tutan forigon ? Jes, tiuj sinjoroj, kiuj sub la influo de agitantoj diras, ke la « Fundamento » prezentas « eternan baron kontraŭ la evolucio de Esperanto », parolas pri afero, kiun ili tute ne konas !

Ĉar la Lingva Komitato ĝis nun faris ankoraŭ neniun rompon en la lingvo, tial la reformistoj ĝin kulpigas, ke ĝi estas senviva, senforta, senaŭtoritata, sentaŭga ! Sed se ĝi estas malbona, kiu do malpermesas, ke la esperantistoj mem ĝin reorganizu ? Anstataŭ semi malkontentecon, malpacon kaj ribelon, ĉu ne estus pli bone, se iu el la malamikoj de la nuna Lingva Komitato prezentus projekton de reorganizo de tiu ĉi komitato ? Se la projekto estos bona, ĝi ja certe estos akceptita ; mi povas eĉ sciigi la malkontentulojn, ke la prezidanto de la Komitato mem preparas nun projekton de reorganizo, kiun li intencas prezenti al la plej proksima kongreso. Per vojo de paco kaj harmonio ni ĉion povas krei, per vojo de malpaco kaj ribelo ni ĉion nur detruos.

Por fari reformojn en Esperanto, la « Delegacia Komitato » ricevis komision nek de la esperantistoj, nek de siaj propraj delegitoj (kiuj ne sole ne donis, sed eĉ ne *povis* doni tian strangan komision ) ; siajn proprajn, de neniu rajtigitajn postulojn de reformoj — kiuj apogis sin sur zorge kolektitaj voĉoj de kelka nombro da malkontentuloj, sed tute ignoris la opinion de multaj dekmiloj da personoj, kiuj estas kontraŭ ĉiuj ŝanĝoj — la Delegacia Komitato prezentis al la esperantistaro en formo tre ofenda, postulante, ke la tuta multemila kaj longe laborinta esperantistaro akceptu la decidojn, kiujn kelkaj flankaj personoj ellaboris en la daŭro de 8-10 tagoj ; ili eĉ malhumile postulis, ke tiuj decidoj estu akceptitaj *tuj*, ne atendante la esperantistan Kongreson ; tial la sola respondo, kiun ni devis doni al la postulantoj, estus simpla kaj tuja rifuzo. Sed ĉar troviĝis personoj, kiuj per ĉiuj eblaj rimedoj komencis grandan kaj lertan agitadon inter ĉiuj esperantistoj, penante per ĉiuj fortoj ruinigi la harmonion, kiu ĝis nun regis inter ni, penante semi malpacon kaj malkontentecon kaj kredigi al ĉiu aparte, ke ĉiuj postulas reformojn, nur la ĉefoj kontraŭstaras ; kaj ĉar ni komprenis tre bone, kiel pereiga povas fariĝi por nia tuta afero ĉia publika malpaco kaj skismo, precipe se ĝi al la nenion scianta publiko estas tute malvere prezentata kiel « deziro de multaj societoj » ; tial ni en la daŭro de tri monatoj faris ĉion, kion ni povis, por kvietigi la ribelantojn en ia paca maniero. Ni multe korespondis kun ili, penante klarigi al ili, kiel danĝerega ilia agado estas por tiu afero, kies amikoj ili sin kredas ; ni prezentis la demandon al la voĉdonado de ĉiuj membroj de la Lingva Komitato ; kaj kiam la Lingva Komitato rifuzis akcepti iliajn strangajn kaj tro grandajn postulojn, ni eĉ decidis, ke ni *mem* en nia propra nomo prezentos al la esperantistoj iliajn plej ĉefajn postulojn, kvankam ni tute ne vidas en ili ian necesaĵon ; sed ni nur deziris, ke ĉio estu farata sen rompado, per vojo laŭleĝa ; ke ĝis la komuna akcepto la novaj formoj estu rigardataj ne kiel devigaj, sed nur kiel permesataj, kaj ili ricevu forton nur tiam, kiam la Lingva Komitato ilin aprobos kaj Kongreso esperantista donos al ili sian sankcion.

Sed ĉiuj niaj penoj de pacigo nenion helpis. La postulantoj respondis, ke por ili ne estas aŭtoritata nia Lingva Komitato, nek nia Kongreso, kaj ili rezervas al si plenan liberecon de agado.

Tiam ni estis devigitaj rompi ĉiun intertraktadon kaj sciigi, ke la « Delegacia Komitato » por ni plu ne ekzistas. Laŭ la propra tute preciza programo de la « Delegacio », la Komitato ricevis de siaj delegitoj la komision nur *elekti* lingvon ; de la momento, kiam tiu elekto estis farita, la « Delegacia Komitato » ĉesis ekzisti kaj restis nur kelkaj *privataj* personoj, kiuj — laŭ siaj propraj vortoj — fariĝis nun esperantistoj. Sed kiam tiuj kelkaj novaj esperantistoj, kiuj aliĝis al Esperanto nur antaŭ malmultaj semajnoj, ekdeziris dikti leĝojn al la tuta popolo esperantista, kiu laboras jam pli ol dudek jarojn, kaj ĉiuj niaj admonoj nenion helpis, tiam ni simple lasis ilin flanke.

Ni estas konvinkitaj, ke tiuj kelkaj scienculoj, kiuj lasis sin entiri en reton, baldaŭ komprenos la eraron, kiun ili faris ; ili baldaŭ komprenos, ke nia gravega kaj malfacilega afero povas atingi sian celon *nur per severa unueco ;* kaj ke por la bono de ilia amata ideo ili baldaŭ discipline aligos siajn fortojn al tiu komuna granda armeo, kiu sen personaj ambicioj, en plena harmonio, kaj kun ĉiam kreskanta sukceso, laboras jam tiom multe da tempo. Kiel ĝis nun, tiel ankaŭ plue, ni, esperantistoj, iros trankvile nian vojon.

L.-L. ZAMENHOF.

## TRA LA MONDO

### BRAZILIO

Rio-de-Janeiro, januaro 1908.

Nenio estas pli malfacila ol ricevi de la Braziloj certajn informojn pri la enlanduloj de ĉi tiu vastega lando. Por la regnestraj aŭtoritatoj, la Indoj ne ekzistas ; nenia statistiko liveras ilian nombron kaj loĝadejon, cetere tre ŝanĝeman. La duonoficialaj informoj de la misioj estas ne fidindaj ĉar ili nur celas ricevi novajn monhelpojn de la regnestraroj [1]. La loĝantoj de la grandaj urboj preferas kredi, ke ne plu ekzistas enlanduloj — du aŭ tri mil pleje, diris al mi literaturisto — kaj esperas, ke ili baldaŭ tute malaperos. Kontraŭe, la koloniiganto, kiu senĉese batalas kun la gentoj, de kiuj li okupas la ĉaslandon, parolas pri milionoj de sovaĝuloj kaj petegas grandajn armeojn por sin protektigi Povas liveri al ni senpartiajn informojn nur la maloftaj laikoj, kiuj pro humaneco aŭ patriotismo iris inter la Indoj por ilin repacigi kun la blankuloj kaj doni al ili garantiojn de sendanĝereco. Jen estas la ciferoj, kiujn ni opinias la plej ĝustaj, komparante la diversajn konfidindajn aŭtorojn : En ŝtato Amazona almenaŭ 80,000, en ŝtato Para 25,000, en Matto-Grosso ĉirkaŭ 25,000, Barecioj, Bororooj kaj Guatoj, kaj 10,000 Geoj kaj Tapujoj en la nordo. En ŝtato Gojaz, 15,000 de la grupo Gea. En la ŝtatoj Sankta-Katarino, Parana kaj Sao Paulo, ĉirkaŭ 10,000 enlanduloj diversgentaj, kies plej famajn studis Darwin. Antaŭe prospera, tiu gento estas hodiaŭ degenerinta pro la persekutoj ricevitaj, tiel ke la ŝtatestraro de Paulo permesas al la privatuloj havi armeeton por ilin ekstermi. Flankelasante tiujn lastajn gentojn kondamnatajn al baldaŭa malapero, restas pli ol 120,000 puraj necivilizitaj enlanduloj sur la Brazila tero. Tiu ĉi estas evidente malgrava kompare kun tiuj, kiuj ekzistis kiam Brazilio estis eltrovita. En tiu epoko, la Brazilaj enlanduloj dividiĝis laŭ du ĉefgrupoj subdividitaj laŭ tre multaj gentoj. Tiuj ĉi parolis lingvojn tre malsamajn laŭ la vortaro, sed tre parencajn laŭ lingvistika vidpunkto. Plie, de Amazona ĝis Rio-de-La Plata, ĉiuj enlanduloj komprenis la idiomon Tupy-Guaramy, kiujn la Portugaloj nomis « lingvo ĝenerala » [2]. Tiuj lingvoj tre interesaj estas malmulte studataj ; ili tamen liveras atentindan materialon al la filologo kaj montrus tute apartan flankon de la homa penso. Oni ofte riproĉas al la enlanduloj, ke ili sciis dresi neniun beston, kaj de tio oni konkludas ilian intelektan malsuperecon. Oni forgesas, ke tiam Brazilio posedis nek ĉevalojn, nek grandajn mambestojn, nek eĉ hundojn. La marbordaj loĝantoj lerte dresis diversajn birdojn por sia distrado. Riproĉo pli grava en lando riĉega je minaĵoj, ili ne konis la uzon de la metaloj. Sed, ankoraŭ nuntempe, la civilizita Brazilo lasas neesplutataj riĉajn tavolaĵojn de argentoza galeno kaj se li eltrovas oran minon, li, kolektinte senpene la plej grandajn ormasojn lasas la multekostan minaĵon, kiu estas multe pli riĉa je oro [4]. La nutraĵoj de la enlanduloj konsistis ĉefe el ĉasaĵoj. Ili posedis malgrandajn plantejojn, sed ilia agrikulturo estis tre primitiva. Ili ricevis fajron per aparato simila al la « swastika » de la Hindoj. La plantado, la rikoltado, la fabrikado de la potaĵoj kaj de la fermentitaj trinkaĵoj estis la okupo de la virino. La homo pre-

---

[1] Malgranda misio de cirkaŭ 400 leĝantoj ricevis en la lasta jaro monhelpon de 32.000 sm. kaj petas tiom en tiu jaro.

[2] En la XVIIa jarcento, prezidanto Desbrosses notis saman fakton por la nordamerikaj enlanduloj Oni scias, ke la Ekstremorientaj popoloj diverslingvaj komprenas sin reciproke per la ĥina ideografio. Nur la civilizuloj estas devigataj lerni kvin aŭ ses lingvojn por siaj aferoj ... ĝis la ĝenerala akcepto de Esperanto.

[3] Ekzemple, la netransitiva verbo estas vera nomo, la transitiva verbo postulas du pronomojn kaj la nomo havas estintecon kaj estontecon kiel la verbo, aŭ por tiel diri, la lingvo posedas nur verbojn ; nia gramatika klasigo greka-latina do havas nenian ĝeneralan valoron kaj ne estas aplikebla al tiaj lingvoj. Plia kaŭzo por forjeti tiun pezan heredaĵon de la « grammaticuli » de la Romode kadenco.

[4] D-ro C Honoré, antaŭ ne longe mortinta en Montevideo, provis per la filologio restarigi la metafizikon de la tupi-guarania vortaro. Tio estas relative facila, ĉar la vortoj de la komuna lingvo konservas la radikajn silabojn, tiel ke ĉiu esprimo montras sian etimologion. El tiuj laboroj rezultis okulvidebla analogio kun la konceptoj kaj ideoj siro egiptaj. Aliaj aŭtoroj notis similaĵojn pri la formo de l'kranio, la koloro de la haŭto kaj eĉ kelkaj funebraj kutimoj.

nis sur sin la ĉason, la fiŝkapton kaj la militon, La virino kaptita dum milito aniĝis en la nova gento, ĉar la enlanduloj kredis ke la virino havas nenian influon sur la idaro. La viro kaptita estis kutime manĝita meze de grandaj festoj. La potaĵoj, la teksaĵoj kaj eĉ kelkafoje la puntoj montras ian artan kapablecon. Oni ne konas iliajn kantojn kaj tradiciojn. Oni scias, ke ili kredis pri la ekzisto de bonaj estaĵoj, kiuj nenion postulis por sia kulto, kaj de malbonaj estaĵoj, kiuj postulis adoradon. Tiuj kredoj ŝajne plinobliĝis ĉe kelkaj gentoj kaj tute mankis ĉe aliaj. Resume, la Brazila enlanđulo prezentis la ĝeneralan tipon de la nedegenerinta sovaĝulo.

Multaj Indaj gentoj malaperis per vojo normala, kiu pro siaj bonegaj etnikaj rezultatoj estus ĝenerale sekvinda, nome la kunmikso kun la Portugalaj kolonianoj. El tiu kunmikso devenis rimarkinda raso, kiu pri inteligenteco kaj agemeco tre superas la mulatojn. Ilia ĉefurbo, Sao Paolo estus la unua urbo Brazilia, se grandega loĝantaro de mizeraj enmigrintoj ne donus al Rio-de-Janeiro nombran superecon. La aliaj mestizaj grupoj ne estas malpli energiaj kaj laboremaj, kaj ili, multe pli ol la malfeliĉaj kolonianoj venintaj el Kalabrio kaj Sirio, riĉigas Brazilion. Sed, preskaŭ tuj de la komenco de la koloniigado, religiaj demandoj kaj la avideco de la Portugaloj sklavigi liberamajn loĝantarojn, naskis sennombrajn malkonsentojn kaj neestingeblan malamon inter la enlanduloj kaj la blankuloj. Multaj gentoj preskaŭ tute malaperis; aliaj devigitaj vivi dissemite en la arbaroj tute degeneris. La plej granda parto de la restantaj gentoj ne multe ŝanĝis sian vivmanieron. La kanibalismo ne plu ekzistas kaj la spiritaj priokupoj ŝajnas ankaŭ malaperi. Iompost iom, okcidenten persekutitaj de la kaŭĉukrikoltistoj kaj arbaristoj, ili rifuĝiĝas en Paragvajion, Bolivion kaj Peruvion. Brazilio ĉiujare perdas milojn da brakoj, kiujn ĝi tamen ekstreme bezonas. Tiun rimarkon oni ordinare respondas per tio, ke la enlanduloj havas ĉiujn difektojn kaj malvirtojn, tiel bone konatajn de la blankuloj. Por esti certa pri tio, ni iris peti informojn ĉe ĉiekonata sciencisto, botanikisto Barbosa Rodrigues, direktoro de la fama Botanika ĝardeno de Rio, kiu dum pli ol dudek jaroj vivis inter la nordaj enlanduloj de Amazona. Al li ni ŝuldas la plej multajn sciigojn, kiujn ni donos en venonta artikolo pri la nuna stato kaj la socia valoro de tiuj loĝantaroj.

M. V.
(*daŭrigota*)

## FRANCUJO

Parizo, Februaro 1908.

La Marokaj aferoj, kiuj antaŭ kelkaj semajnoj, trafis la plej plenan indiferentecon de la publiko kaj eĉ de la politikistaj rondoj, denove altiris la atenton kaj montris, ke la tiea trankvileco estis tute ŝajna kaj supraja. Unue, generalon Drude anstataŭis generalo d'Amade kiel estro de la franca armekorpuso en Maroko, pro malsano, diris la regnestraranaj gazetoj, pro malplaĉo al la ministraro, asertis la opoziciaj organoj. Due, neatendita okazo, la pretendanto Moulai-Hafid, kiu ŝajnis venkita, estis proklamita sultano en Fez mem kaj en diversaj aliaj urboj. Kvankam al li mankas mono, lia situacio estas verŝajne pli bona ol tiu de sia fratokonkuranto, kiu pro siaj traktadoj kun la Francoj fariĝis suspektinda de la plej multaj Marokanoj. Malgraŭ ke la franca korpuso, sendita nur por respektigi la francajn rajtojn, devas resti neŭtrala inter la du pretendantoj, oni ne povas dubi, ke nia situacio fariĝis multe pli malfacila kaj delikata. Hodiaŭ kiel hieraŭ, pli ol hieraŭ, regas la plej granda ĥaoso kaj malcerteco. Kion faros la franca armeo? se la partianoj de Moulai-Hafid atakas la Francojn, ĉu tiuj ĉi pro neŭtraleco ne devos respondi per la armiloj, kaj se ili respondas, kiel estas tute certa, ĉu oni ne konsideros, ke ili per tio ĉi subtenas la forlasitan sultanon Abd-el-Aziz kaj sin do enmiksas en la internaj enlandaj aferoj? Tiuj aferoj havis sensacian eĥon en la Parlamento, kie S-ro Delcassé, eksministro de l'eksterlandaj aferoj, faris longan kaj tre rimarkitan paroladon, insistante pri tio, ke Francujo neniel devas retroiri kaj pro sia honoro devas nepre daŭrigi sian agadon. Tiu parolado estis tiom pli atentita, ke S-ro Delcassé estis, almenaŭ laŭ siaj asertoj, la iniciatinto de la Angla-franca interkonsento kaj de la politiko kontraŭgermana. Lia parolado estis esence glorigo de sia estinta konduto kaj samtempe alvoko al la militema energio de la Francoj pro kio li ricevis tre grandan sukceson. Sed, la maltrankviliĝo, kiun kaŭzis tiuj aplaŭdegitaj paroloj, malaperis la morgaŭan tagon post la singardema kaj saĝa respondo de la nuna ministro, S-ro Pichon. La regnestrara tagordo estis voĉdone aprobita per grandega plimulto, konsistanta el ĉiuj partioj (escepte la socialistoj), sed, kompreneble, tio absolute nenion ŝanĝas aŭ pliklarigas en Maroko...

La Parlamento baldaŭ komencos la diskutadon pri la projekto de la laŭrenta imposto. Malgraŭ ĉio, ŝajnas ke favora vento blovas al tiu projekto, kiu verŝajne estos akceptata, post longaj pridiskutoj kaj sufiĉe gravaj ŝanĝoj. Oni ĉefe provos forigi ĝian karakteron entrudeman kaj inkviziciecan, kiu malkontentigis ĝis nun ĉiujn Francojn. Se tiu reformo estas aprobata, oni ne povos dubi, ke Francujo realigis tre gravan kaj atentindan progreson, kiu estos ŝatata ĉefe de la laboristaj klasoj.

S-ro Briand, juĝa ministro anstataŭ mortinta S-ro Guyot-Dessaigne, preparas leĝon laŭ kiu la jurintaroj ĉe la tribunaloj ricevos ian pagon; dank'al tiu sistemo, la laboristoj kaj la personoj, kiuj laborgajnas sian ĉiutagan vivon, povos esti jurintoj sen financa perdo, dum, ĝis nun, pro tio ke ili povas ne akcepti sian taskon, la jurintaroj konsistas ĉefe el burĝoj kaj rentuloj, sed, bedaŭrinde, ŝajnas ke tiu realigota progreso ne estas ŝatata de la interesatoj kiel ĝi meritus. Nur la « reformojn » kiuj servas kiel allogiloj al la kandidataj programoj dum balota periodo kaj sekve de tiu deveno estas neniam realigataj, oni priparolas kaj ŝatas kun tiom pli da fervoro, ke ili estas konstante farotaj, sed maloftege faritaj...

Malgraŭ la malagrabla aventuro de l'aerostato « Patrie », la Francoj ne malkuraĝiĝas; nova direktebla aerostato « Ville-de-Paris » estos baldaŭ preta kaj aliaj estas ankoraŭ farataj nuntempe. Aliparte oni jam eksciis en la tuta mondo pri la sukceso de la aerŝipo de S-ro Farman, kiu gajnis la premion Deutsch-Archdeacon de 20.000 Sm.; la rimarkinda rezultato ricevita esperigas, ke la aviado estas sur la vojo definitiva al la sukceso.

B. T.

## RUSUJO

Varsovio, Februaro 1908.

Malĝoje komenciĝas por ni la nova 1908e jaro. Nia lando, jam de multaj jardekoj persekutata de tiuj, kiuj ĝin regnas devas ankoraŭ suferi. Post la jaro 1907a, kiam ĉiuj Poloj kuniĝis por komuna laboro por kultura renaskiĝo, ĉiuj kredis, ke la sekvanta 1908 estos pli feliĉa, pli fruktoporta. Kaj jen en la lasta tempo okazas dolora fakto tro grava por ĉiuj Poloj, por ne skribi pri ĝi. La Rusa registaro ordonis prokrasti la agadon de « Polska Macierz Sykolna » (Pola patrino de lernejoj). Antaŭ du monatoj, Skallon, Varsovia ĝeneralguberniestro, publikigis, ke tiu ĉi institucio estu fermita, ke ĉiuj lernejoj, bibliotekoj, legejoj, publikaj kursoj devu ĉesi instrui la popolon dum la daŭro de la milita stato en Polujo. Dank'al tio, sola institucio, kiu lernigis pli ol 1500 milojn da infanoj, plenaĝaj analfabetoj kaj aliaj volantaj lerni, jam ne ekzistas. Unu vorto interrompis la renaskiĝon de la popolo. — Ne estas ia sekreto, kvankam niaj gazetoj pro cenzuraj kaŭzoj ne skribas pri tio, ke ne Skallon estas kulpa en tiu ĉi afero. Jam en komenco de julio de pasinta jaro, la Rusa prezidanto de ministraro skribis al li, ke oni devas ĉe la plej proksima okazo fermi la societon, kiu prenis sur sin la taskon instrui Polan loĝantaron, batali kontraŭ analfabetismo, kiu havas estraron, liberigitan de registara influo, kaj grandajn rimedojn. Skallon respondis, ke la societo agas tute laŭleĝe, ke ĝi estas por Poloj bezona, kaj ne ekzistas ia pretektsto per ĝin fermi. Tio, kompreneble, ne kontentigis la Rusan ministrarestron kaj post la lasta ĝenerala kunveno de P. M. S. kiu pruvis, ke ĉiuj forte interesiĝas pri ĝi, li denove postulis, ke la guberniestro ĝin fermu laŭ iu ajn preteksto. Kaj nun la institucio, kvankam ne politika, eĉ ne deziranta tuŝi la politikon, mortis. Ĉu ĝi reviviĝos? Certe. Ni nur ne scias kiam. La lasta likvidacia kunveno okazis la 24an de januaro kaj la delegitoj de tuta Polujo decidis disdoni le kapitalon de la societo (pli ol 200,000 Sm.) al diversaj parencaj kulturaj institucioj, same siajn kolektojn, muzeojn kaj librarojn. Kvankam P. M. S. ne ekzistas plu, ni povas esperi, ke ĝia rolo ne finiĝis. Ne! tiun kontrabandon, kiun kunportis la kapoj de proletaria infanaro en urboj kaj vilaĝoj, neniu kaj neniel sukcesos neniigi. Bona semo nepre donos bonan frukton.

TADA.

## Kroniko Politika

La demando pri Marokujo kaj ĝia nova fazo, sekve de la proklamo de Moulai-Hafid kiel Sultano, havis kiel konsekvencon longan diskutadon ĉe la Franca parlamento. Aparte rimarkita estis la parolado de S-ro Delcassé, eksministro de la eksterlandaj aferoj, kiu konsilis ke Francujo devas pro sia honoro daŭrigi senŝancele sian agadon en Marokujo. Li uzis la okazon por defendi sian estintan politikon, kies ĉefa faro estis la interkonsento anglafranca. Post momenta entuziasmo, la Deputataro aŭdis pli singardemajn parolojn de S-ro Pichon, la nuna ministro, kaj fine per tre granda plimulto certigis la registaron pri sia konfido.

En Prusujo okazis agitado por la universala balotrajto kaj pro tio diversaj socialistaj manifestoj en Berlino. La registaro neniel intencas cedi al la fluo de la opinio kaj volas doni nur sensignifajn koncedojn. En la sama lando unu el la ĉambroj aprobis la leĝon pri la aliproprigo de la Polaj bienoj, kiu elvokis varmajn protestojn ĉe ĉiuj Polaj, kaj entute ĉe ĉiuj liberalaj spiritoj.

Sed la ĉefa okazo de la la lasta temps esti nedubeble la trage dia mortigo de la reĝo kaj de la kronprinco de Portugalujo, en la stratoj de Lisabono. Jam de longe, laŭ la granda politika agitado, kiu regis en tiu lando pro la diktatoreco de S-ro Franco, oni povis antaŭvidi ian abruptan okazon. La realeco superis la antaŭvideblon. Nun, la diktatoreco falis en la sango kaj en ĝenerala malaprobo, kaj junulo estis alvokita de la sorto por regi tiun landon, meze de la plej malfacilaj cirkonstancoj. Ĉu tio estos la komenco de la reviviĝo aŭ la daŭrigo de la agitado, tion ĉi respondos la baldaŭa estonteco.

Dum en Portugalujo, la diktatoreco rompiĝas, en Argentina Respubliko ĝi ekregas. La prezidanto de la republiko forpermesis la Parlamenton, kiu ne laboris, kaj estas aklamita, diras al ni la depeŝoj, sed ĉu ne la saman frazon dum multaj semajnoj alportis al ni la depeŝoj el Portugalujo?

A. R.

## La Faktoj

*13 Januaro. Parizo* — La aeroplano Farman ricevas la premion Deutsch-Archdeacon da 20,000 Sm.
*14. Tokio* — Krizo en la ministraro; du ministroj sin eksigas.
*Boyertoun (U. S. A).* — Incendio de la teatro; multaj pereintoj.
*Marokujo.* — La francaj soldatoj okupas Settat.
*15 Teheran.* — Nokta atako kontraŭ la ĉefministro.
*Barañero (Argentino).* — Uragano duonruinigas la urbon.
*Kopenhago.* — Mortas la dana poeto Holger Drachmann.
*16 Agramo.* — Gravaj manifestoj.
*Wieno.* — Mortas Bacher, direktoro de la « Neue Freie Presse ».
*Parizo.* — Markizo de Segur eniras en la Akademion kaj rememorigas pri sia antaŭulo Rousse.
*18. Salisbrugo.* — Mortas Ferdinando de Aŭstrujo, eksgrandduko de Toskanio
*Kristiano.* — La « Stortingo » aprobas unuvoĉe la traktaton por la netuŝebleco de Norvegujo.
*21. Romo.* — Daŭrigo de la interrompita proceso kontraŭ Nasi
*Milano.* — Ektuŝego de vagonaroj; 9 mortintoj.
*22. Sofio.* — La ministrarestro Gondew sin eksigas.
*Melburno.* — Cento da personoj mortas pro supermezura varmeco.
*Parizo.* — Grava parolado de eksministro Delcassé pri la eksterlanda politiko de Francujo.
*24. Massa Rosa.* — Mortas la konata angla verkistino Oudja.
*26. Teheran* — La ministrarestro sin eksigas.
*27. Nov Jorko,* — Luksega edziĝo de miss Wanderbitt kun hungara grafo Szeckenji.
*Vieno.* — Deklaracioj de Aerenthal pri la eksterlanda politiko.
*2. Padovo.* — Naciaj honorsignoj al la fama okdekjara filosofo Ardigo.
*Parizo.* — Mortas kardinalo Richard, ĉefepiskopo, je la aĝo da 90 jaroj.
*29. Londono* — Malfermo de la Parlamento per eĝa parolado.
*Lisabono.* — Sangaj tumultoj sur la stratoj.
*30. Buenos-Aires.* — Politika krizo; la prezidanto forpermesas la kongreson.
*31. Vasingono.* — Prezidanto Roosevelt adresas leteron al la kongreso kontraŭ la trustoj kaj la korupto (subaĉeto).
*1 Februaro. Lisabono.* — Mortigo de la reĝo kaj de la kron- princo; la mortigistoj pereas.
*Nov-Sorko.* — Thaw estas absolvita kaj sendita al frenezulejo.
*2. Lisabono.* — Manuelo fariĝas reĝo de Portugalujo, sub la nomo Manuelo IIa.

A. TELLINI.

## Niaj enketoj

### Juĝa organizado I

Ni komencas hodiaŭ pri la juĝa organizado serion de artikoloj, kiuj esperеble interesos ĉiujn niajn legantojn kaj speciale la anojn de la internacia societo de la juristoj. Tiujn ĉi lastajn ni petas insiste, ke ili sendu kiel eble plej baldaŭ ĉiujn sciigojn pri ilia nacia juĝorganizado, al S-ro Degon, 17, rue St-Eloi, Douai (Francujo).

**Anglujo**, (de S-ro J. Ellis, solicitoro Reighley.)

Vic-Prezidanto por Anglujo de l'I. S. E. J.

Tre kredeble fremdulo opinias, ke la sama leĝaro havas forton en la tri reĝlandoj, kiujn Edvard VIIa reĝas; tial ni devas en la komenco klarigi, ke Skotlando kaj Irlando havas siajn proprajn jurajn sistemojn. Tiu de Irlando tre similas al la angla, sed la skota leĝaro pli proksime alproksimiĝas al la kontinentaj sistemoj, ĉar ĝia fundamento estas la roma leĝaro. En tiu ĉi artikolo ni parolos nur pri la sistemo, kiu havos forton en Anglujo kaj Kimrujo.

Rilate al la civila leĝaro, kaj komencante je la malplej gravaj juĝejoj, ni havas la sistemon de la *County Courts* (kaŭnti Korts; provincaj aŭ Graflandaj Juĝejoj. La lando estas dividita en 53 distriktoj, el kiuj 8 sidas en Londono kaj ĝiaj antaŭurboj. Ĉiu distrikto havas juĝiston, kiu veturas de urbo al urbo en sia « circuit » (sarkit), kiel oni nomas la distriktoh. Sed liaj povoj estas limigataj; ordinare li povas juĝi pri procesoj pri rompo de la fianĉiĝa kontrakto, pri kalumnioj ĉu skribitaj aŭ parolitaj, kaj malvirgigo; li ne povas juĝi, se li ne havas la konsenton de la procesantoj aŭ se li ne havas la ordonon de plisupera juĝisto por tion fari

La tendenco de la leĝdonistaro estas pligrandigi la povojn de la provincaj juĝistoj, kaj ili havas specialajn fortojn en kelkaj specoj de procesoj, kiuj tamen ne interesos la fremdan leganton.

La provinca juĝisto ankaŭ havas, se la valoro de la procesaĵo ne superas 5000 sm., la povon juĝi (1) pri la administrado de la havo de mortintoj ĉu testamentintoj; (2) pri la devoj de la kuratoro ĉu sub testamento aŭ sub akto inter vivantoj; (3) pri hipotekoj; (4) pri ordonoj devigantaj la plenumon de vendkontraktoj rilatantaj al domoj kaj teraĵoj; (5) pri la dissolvo de kontraktoj de solidareco kaj la likvidado de la solidara havo; (6) pri la devigata vendo de domoj kaj teraĵoj posedataj de kunposedantoj; (7) pri procesoj fondataj sur trompo aŭ eraro; (8) pri la gardado de la havo de neplenaĝaj orfoj. Ĉe tiaj aferoj, kiuj estas juĝataj en la *Probate Division* (v. malsupren) havas ankaŭ povon juĝi, se la havo de la mortinto ne superas 2000 sm. da *personal estate* kaj 3000 sm da *real estate*

(Tie ĉi mi povas klarigi en parentezo fundamentan diferencon inter la angla leĝa sistemo kaj tiu de aliaj landoj. Tra nia leĝaro ni traktas la terajon kaj ĉion, kio apartenas al aŭ estas konstruita sur la teraĵo mem same ol ni traktas aliajn specojn de posedaĵoj. Tiujn ĉi mi nomas *personal estate*, kaj tiujn *real estate*, kaj, parolante neprecize, la diferenco respondas al la diferenco inter aĵoj moveblaj kaj aĵoj nemoveblaj. Tiome tiu ĉi diferenciĝo trakuras tra nia tuta leĝa sistemo, ke ĉe morto sen testamento tiu, kiu heredas la teraĵon, kaj tiu, kiu heredas la moveblaĵojn estas plej ofte malsamaj personoj.)

Returnante al la Provincaj Juĝejoj, en kelkaj urboj (ordinare la ĉefurbo de la provinco aŭ urbo enhavanta 50000 enloĝantojn) la juĝisto havas la povon juĝi pri la administrado de la havo inter la kreditoroj. En kelkaj marurboj li juĝas ankaŭ pri ŝipaj kaj maraj aferoj.

Krom la Provincaj Juĝejoj ekzistas kelkaj lokaj juĝejoj kun diverseaj povoj, postrestaĵoj de la antikveco. El tiuj la plej gravaj estas la juĝejo de la Londona Urbestro *Mayor's Court*; Merz Kort) kaj la Kancelaria Juĝejo de la Lankastra Provinco (*The Chancery of Lancaster*; Canseri ov Lankastr) La Juĝejo de la Civito de Londono (*City of London Court*; Siti ov Lendn Kort) havas la samajn povojn kiel la provinca juĝejo.

De la decido de la Provinca Juĝisto la procesanto povas apelacii al la Apelacia Juĝejo (v. malsupren), sed se la afero koncernas sumon malpli valoran ol 2000 sm. la provinca juĝisto povas rifuzi permeson.

En la Provinca Juĝejo la proceduro similas al la proceduro Alta Kortumo de Justeco (v. malsupren) sed ĝi estas iom pli simpla kaj malpli formala. La pledisto estas ĝenerale solicitor'o, kiu dungas advokaton nur ĉe la pli gravaj kaj malfacilaj procesoj.

La ĉefa tribunalo estas la Plejsupera Juĝa Kortumo (*Supreme Court of Judicature*; Suprim Kort ov Gudikatjur), kiu estas efektive nur nomo por montri la malsuprenomitajn kombinitajn juĝejojn. Ĝi konsistas el la Apelacia Kortumo (*Court of Appeal*; Kort ov Apil) kaj la Alta Kortumo de Justeco (*High Court of Justice*; Haj Koat ov ĝestis). La Alta Kortumo estas dividita en tri partojn aŭ fakojn: 1e. Faka Kancelaria (*Chancery Division*; Canseri Divijn); 2e. Fako de la Benko de la Reĝo (*King's Bench Division*; Kingz Benĉ Divijn); kaj 3e. *Probate, Divorce and Admiralty Division* (v. malsupren).

La Fako Kancelaria havas kiel prezidanton la *Lord Chancellor* (Ĉefkunĉelariisto) kaj ses juĝistojn; tiuj ĉi, sidas por juĝi en apartaj juĝejoj. Tie oni administras tion, kion oni nomas « *Equity* » (ekvito), kiu speco de la juro fariĝis la speciala fako de la Ĉefkancelariisto laŭ maniero tre simila al tiu, per kiu la roma pretoro alprenis al si la rajton administri tion, kion la romaj leĝosciencistoj nomas *jus honorarium*. Ne estas eble ricevi plenan konon de la devoj de tiu ĉi juĝisto kaj liaj subjuĝistoj ne studante pezajn librojn. Li juĝas procesojn pri la samaj aferoj, kiuj estis suprenumerigataj 1 ĝis 8, kiam mi parolis pri la povoj de la Provinca Juĝisto, sed kompreneble en la Alta Kortego nenia limo pri la valoro de la procesaĵo limigas al la povoj de la kancelaria juĝisto. Krom la aferoj nomitaj li havas la povon direkti la administradon de donacitaĵoj aŭ testamentitaĵoj de publikaj bonfarantoj; gardadi la havon de la lunatikulo kaj idiotulo; plibonigi, ĝustigi kaj kasacii aktojn kaj skribaĵojn. Per diversaj Aktoj de la Parlamento li dedicas sin pri multaj aliaj aferoj, ĉefe el kiuj estas procesoj rilate al la interna reguligado de akciaj kompanioj.

(*daŭrigota*). J. ELLIS.

# ESPERANTO

## Internacia Esperantista organizo

Sekve de niaj artikoloj pri Esperantista organizajo kaj de la favoraj opinioj ricevitaj pri tiu ĉi demando, iniciatintoj de la nomita organizajo dissendis cirkuleron al ĉiuj grupoj esperantistaj. Malgraŭ la malfavora tempo de l'Konsultado (Novjara libertempo) kaj la mallongeco de la tempolimo difinita por la respondo, 108 grupoj respondis favore nian alvokon kaj plene aprobis la agadan planon montritan en tiu cirkulero[1]. Jen estas la nomoj de la respondintaj grupoj, kluboj, societoj, k. t. p. (laŭ ordo de ricevo de la respondoj) : Nyon, Charenton, Châlons s/S., Bourg, Sotteville, Goole, Budejoviĉe Görliz, Zürich, London S. E., Nancy, Praha, Zug, Marseille, Levallois-Perret, Roanne, Brünn, Novy Sacz, Lyon, St-Claude, Czernizsov, Hull, Goth., Orleans, Huy-Tihange, Bern, Stuttgart, Château-Tierry, Lausanne, Bellegarde, Davos Armentières, Begnins, Creuzot, Montceau-les-Mines, Carcagente, Dover, Brno, Auxerre, Oyonnax, St-Etienne, Elbeuf, Portland, Roma, Newcastle, Gateshead, Berlin, Louhans, Cherbourg, Nuits, Sceaux, Beaune, Dundee, Hamburg-Altona, Holanda Societo Esperantista (kaj ĝia filioj), Praha (virina grupo), Burnley, Genève, Leeds, Mâcon, Malmö Firenze, Beziers, Annecy, Castellnis, St-Chamond, Burgos, Chester, Edinburgh, Avignon, La Rochelle, Magdeburg, Calais, Düsseldorf, Reims, Ipswich, Limoges, Braunsweig, Lille, Pilsen, Reichenberg, Huttwyl, London S. W., Stockholm, Hannovre, Rouen, Bordeaux, Helsingforg, Roubaix, Tourcoing, Neuchâtel, Amiens, Morges, Le Locle, Toulon, Paris diversajn rezervojn Boulognes M., Hastings, Sens, Basel. Krom tio, la grupo de Antverpeno (Belĝujo) eldonis ben gan cirkuleron, kies konkludo tute apogas la ideojn prezentitajn en nia cirkulero.

La supraj respondoj estis subskribitaj de *828* personoj, kies plej granda parto konsistas el grupestroj, sekretarioj, komitatanoj konsuloj, k. t. p. Po tiu tiel kuraĝiga kaj favora rezultato, la iniciatintoj decidis sendi al la respondintoj duan cirkuleron por la efektivigo de sia plano. Ni baldaŭ konigos la rezultatojn al la publiko, sed de nun ni povas diri, ke la kreo de internacia organizajo estas sur la vojo al baldaŭa sukceso.

[1] Car tiu cirkulero estis sendita al ĉiuj grupoj kaj komunikita al ĉiuj grupanoj, ni ne represas ĝin citie.

## MOVADO ESPERANTISTA

La traktadoj inter D-ro Zamenhof kaj la prezidanto de la konstanta komitato de la Delegitaro estis rompitaj pro la troaj pretendoj de la delegitara komitato Ni siatempe parolis por inter konsento la Esperantistaro kaj la Delegitaro, sed ni diris, ke tiu interkonsento devas fariĝi sur la fundamento de la jam elprovita Esperanto, kaj ne sur la teoria eston ajo sen tradicio, sen vivo sen literaturo kaj sen... adeptoj Laborante super la nuna tradicio, ni havas ĉian eblecon realigi en Esperanto ĉiujn plibonigojn, kiujn postulas la praktiko kaj la vivo Enkonduki abruptajn kaj subitajn reformojn en nian lingvon kondukus nin al plena pereo, pri tio ni estas tute certaj, laŭ multegaj ricevitaj respondoj Ni do iru nian ĝisnunan vojon kaj ni laboru por definitive ŝirmi nian aferon kontraŭ ĉiuj tiaspecaj aventuroj kreante por ĝi la plej fortikan, la plej certegan fundamenton ; la vivo. H-H.

* *

La komitato de la svisa Esperanta Societo, la Redaktoraro de Svisa Espero, la Svisa ekjamena komitato kunvenis Soleure la 2an de februaro por pri paroli la nunan situation de Esperantismo. Post longa kaj atenta priduiskuto, ili akceptis la jenan rigordon :

« La komitato S. E. S., la Redaktoraro de « Svisa Espero », la Svisa Ekzamena komiato, kunveninta en Soleure la 2an de februaro, ekzameninte kaj atente diskutinte la decidon de la Delegitaro por la elekto de lingvo internacia, de klaraske :

1e) La sola lingvo propagandata de la Svisa Esperanta Societo estas de lingvo Esperanto tia, kia ĝi estas definita per la tradicio kaj la ĝisnuna verkaro

2e) La lingvo devas pliperfektiĝadi iom-post-iom laŭ la vojo montrita en la antaŭparolo de la « Fundamento » de Esperanto kaj neniel per verkoj pure teoriaj aŭ komitataj decidoj.

« Subskribis tiun deklaracion Sroj Schneeberger, prezidanto S. E. S ; Walti-bühl, vicprezidanto ; Schmid, sekretario; Feirabend Fridöri ; Krebs ; Wenger ; Humherset : Hodler ; Renard; Balder ».

Pri la sama temo, la Bohema Unio Esperantista, la Esp Grupo de Beaune, la Esp. Grupo de Wien vo donis deklaracion kontraŭ sabitaj reformoj kaj por la restigo de la « Fundamento ». La grupo de Antverpeno anhaŭ voidonis similan decidon, en kiu aperas kritiko de la projekto Ido kaj aprobo pri la ideo de Esperantista organizajo.

### Notindajoj.

*Francujo* : Multaj grupoj ricevas nun helpon de la diversaj oficialaj urbestraroj ; Charenton 30 Sm, St-Maurice 10 Sm, Alfortville 20 Sm, Orleans 160 Sm, St-Etienne 120 Sm, k. t. p. — En Beaune urbeto. Burgonja, la grupo ennavas 200 geanojn, 5 filiojn kun 120 geanoj, 4 semajnajn kursojn kaj sukcesis enkonduki Esperanton en la 5 lernejojn de la urbo. La tuta burgonja regiono estas Esperantistigita ; ĉiu loko havas sian Esp. Grupeton, kurson kaj Esperanto-Oficejon. — Novaj grupoj en Romorantin, Levallois-Perret, Rolbec, Saint-Maur. — En Parizo bedaŭrinde mortis S-ro Lecaron, la tre agema prezidanto de la komerca sekcio de la Parizo grupo; tio estas grava perdo por la Esperantistaro. — *Belgujo*: Esperanto estas oficiale enkondukita en la Belga Milita lernejo ; sekve preskaŭ ĉiuj oficiroj belgaj fariĝos Esperantistoj (la kurso estas deviga) ; novaj grupoj fondiĝis. — *Norvegujo* : Oni ciĝas, ke la rego de Norvegujo estas favora al Esperanto ; oni antaŭvidas la eblecon de internacia kongreso Esperantista en Kristanio. — *Rusujo* : La sidejo de societo « Espero » estas nun Nikolaevskaia str. 33, lg 24 Peterburgo. La Moskva grupo energie laboras. En Wladivostoka Maristo Lernejo, Esperanto estas enkondukita kiel deviga por lernado. *Britujo* : Multaj novaj grupoj ; sukcesaj paroladoj kursoj de S-ro Christen. — *Svisujo* : La Geneva grupo invitas la svisan kaj ĉirkaŭan Esperantistaron al regiona kongreso dum la printempo. — *Hispanujo* : Novaj grupoj en Madrid, Malaga, Barriana, Mahon, Cadix — *Usono* : Gravaj progresoj tie ; sukcesplenaj paroladoj de S-ro Privat en la ĉefaj Usonaj urboj. — *Azia Turkujo* ; Esperanto multe disvastiĝas en la Smirna regiono.

### Gazetaro.

En Kataluno, aperas nova monata « *Tutmonda Espero* » (Barcelono-Paradis 12, pral). redaktata en Lingvoj Esperanta kaj kataluna. — En Bohemujo, oni projektas la starigon de *Slava Revuo* enhavonta la tradukojn esperantajn el la plej bonaj slavaj literaturajoj. La du Amerikaj gazetoj *Amerika Esperantisto* kaj *Amerika Esperanto jurnalo* estas nun interesplenaj. — En la *Revuo* aperas la sekvo de la traduko de D-ro Zamenhof « la Psalmaron ». — *Belga Sonorilo* publikigas resumon de la studo de S-ro Couturat pri la « Derivato en Esperanto » = En a'dono de *Lingvo Internacia* aperas traduko de la fama romano Manon Lescaut, de S-ro Vallienne.

## ESPERANTO PRAKTIKA

### Esperanto-Konsuloj.

Novaj Konsuloj estis elektitaj en la jenaj lokoj :

*Birmingham* (Anglujo). — S-ro Garbutt, La Press Club, Marteneau St.

*Rouschouk* (Bulgarujo). — S-ro Barth (informisto) ulica fiatska 8.

*Versailles* (Francujo). — S-ro A. Desmeules (3, rue Petigny-telephono 351).

### Gvidlibroj.

La Esp. Klubo de San Sebastian (Hispanujo) jus eldonis bonegan allogan gvidlibreton de la urbo kun belaj ilustrajoj. La klubo de la dirita cerbo fondis agentejon, kiu liveras ĉiujn informojn pri turismo, industrio, k t. p. de tiu multevizitata loko, kiu estas unu el la urboj invitontaj la 5an kongreson.

### Esperantaj Hoteloj.

*Versailles* (Francujo. — Hotel Suisse. 3, rue de Pétigny (telephono 351) P. K. R.

*Marseille* (Francujo) — Touring Hôtel, 28 a. cours Belzunce, K. R.

*Marseille* (Francujo). — Hotel de Castille et Luxembourg, 1. rue du Jeune Anacharsis K. R.

*Davos-Platz* (Svisujo). — Sportista Turista Hotel Central P. K. R.

*Frankfurt s/m.* (Germanujo) — Hôtel du Nord, 17, Grosse Gallustr. P. K. R.

### Esperantistujoj.

La Esperantistujo de ĉi tiu jaro sidos en la vilaĝo Weisser Hirsch apud Dresdeno Oni pretigas Esperantan gvidlibron kaj la komunumo sin preparas por akcepti la Esperantistojn Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ino Handkel, Dresdeno Alia Esperantistujo estas projektata en Svisujo apud Lucerno ; ni donos pluajn detalojn en venonta No

### Esperanto-Lando (Moresnet).

La broŝuro de S-ro G. Roy, anoncita en nia antaŭa No, jus aperis 2). Oni scias, ke la aŭtoro proponas fari el la neŭtra teritorio Moresnet (inter Belgujo kaj Prusujo) neutran Esperantolandon ; Moresnet fariĝus konstanta rendevuejo de la komercvojaĝistoj kaj aferistoj, kiuj haltus por interrilatiĝi kaj renkontiĝi. Pro la diversnacieco de la vojaĝantoj- Esperanto fariĝus ilia komuna lingvo kaj iom-post-iom enradikiĝus en tiu landeto kaj estus la lingvo la plej ofte uzata de la loĝantoj, fine eble la sola lingvo oficiala.. Ni rekomendas al ĉiuj samideanoj la legon de tiu interesa broŝuro, kiun komencas aproba antaŭvorto de D-ro Zamenhof, kiu konsideras ke la efektivigo de tiu propono estus grava akiro por la interna ideo de Esperantismo.

### Esperantistaj vojaĝoj.

En Kopenhago, dank'al la kunhelpo de l'jurnalo " Politiken " kursoj por 400 lernantoj estis organizitaj de Sroj Skeel Giörlingkaj Bendix Post tiuj kursoj, la dirita gazeto arangos por 50 el tiuj personoj vojaĝon esperantistan tra Hamburg, Köln, Parizo kaj diversaj francaj urboj, kaj vizitos la esp. rondojn de ĉiuj trapasataj urboj. Bonega ekzemplo ! Ni atentigas ankoraŭ niajn legantojn pri la projektata ekskurso internacia al Insulo Majorko. (Vidu en nia lasta No.)

### Komerco.

**Leipzig.** Paska antaŭfoiro (Oster Vormesse) okazos komence de marto (2-9.) kaj multe da eksterlandanoj malfacile trovas loĝejon, ĉar kutime tro multaj aĉetantoj kaj vendistoj alvenas. Tial oni bonvolu sin turnu al : Esperantista Konsulejo, Leipzig, Kupfergasse, Laden, 20. Gi estas malfermata ĉiutage de 9-6 kaj oni povas ricevi tie-ĉi sciigojn pri loĝejoj, pri hoteloj (ankaŭ malkaraj) kaj pri aliaj aferoj rilate al paska foiro.

1). Ricevebla de gran Hotel international. Prin 2.
2). Projekto d'un Etat Esperantiste realisable en 9 mois Prezo : 0,50. Ĉe S-ro Roy Collège de St-Girons. Ariège (Francujo). Esperanta leksto preparigas.

## KORESPONDAĴOJ

Estimata Sinjoro Redaktoro,

Car tre konata « Idisto » skribis al kelkaj personoj : « Jam Antido kaj liaj amikoj sekvis nin, multaj aliaj sekvos kiam ili scios kion ni proponas al ili », mi deziras publike diri per via organo ke tio estas tute ne vera.

En la antaŭparolo de mia projekto, mi skribis :

« La celo de tiu broŝuro ne estas reformi Esperanton sed helpi la atingon de interkonsento kun la Delegitaro por la elekto de lingvo internacia. La ŝanĝoj proponataj estas laŭ la aŭtoro la *maksimumo* de la koncedoj fareblaj kaj tiuj koncedoj estas proponitaj *nur en la okazo se la interkonsento fariĝos atingebla* ».

Kaj en la cirkulero, kiun mi dissendis al la Esperantistoj scienculaj, mi konkludis per la jenaj vortoj :

« Sed se la delegitaro unuflanke restigus ĉiujn siajn pretendojn, ne donante aliflanke la necesajn garantiojn, tiam ĉiuj Esperantistoj devas sin kuniĝi ne ŝanceliĝe ĉirkaŭ *Zamenhof* kaj poste sin organizi por enkonduki mem en la lingvon la plibonigojn, kiujn ili opinios utilaj ».

Mi supozas ke tiuj du citajoj el originalaj tekstoj estas sufiĉaj por montri ke mi nek fariĝis nek fariĝos « Idisto » ; sed mi povas aldoni krome, ke post trimonata eksperimento pri la sufiksoj proponitaj de Ido, mi atingis la jenan rezulton :

1e La sufikso *ur* estas forjetenda.

2e La sufikso *al* estas forjetenda, ĉar la adjektiva finiĝo *a* signifas jam : *kiu rilatas al*, en la plej multaj okazoj. Kiam ĝi signifas : *kiu estas*, oni povas anstataŭi ĝin per la substantiva finiĝo *o*, kaj diri ekzemple *ruino kastelo* tute same kiel oni diras *sinjoro Prezidanto*.

3e La sufikso *esm* fariĝas neutila laŭ la lasta rimarko.

Fine mi ankoraŭ ne estas tiel certa pri la oportuneco forigi la signojn superliteraj. Mi do ne deziras, laŭ la vortojn de S-ro Evstifeieff (en *Lingvo Internacia*, Januaro 1908) « starigi mian verketon por eternaj tempoj kiel finan perfektan eksterkonkurencan sistemon ». Tian pretendon mi lasas prefere al Ido.

Kun antaŭdankoj por la enpresigo de tiu ĉi letero.

ANTIDO.

## ESPERANTO SOCIETOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn komunikojn de la grupoj, kluboj, societoj, k. t. p. esperantistaj. Tiuj komunikoj estu kiel eble plej mallongaj. Ni instigas ĉiujn grupojn ke ili profitu tiujn speciale favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

**Federacio de la Esperantistaj Grupoj Burgonaj.** — La sekretario de la F. E. G. B (Sro Helbein 65, rue des Godrans, Dijon) konigas ke, de nun, ĉiuj informoj pri la Federacio estos enpresitaj tie Li petas la Prezidantojn de la Grupoj federitaj legi atente pri tio ĉiun numeron de « Esperanto ». La sekretario de la F E G B petas la kasistojn de la grupoj federitaj, kiuj ne ankoraŭ sendis sian kotizajon (tio estas Autun-Arney-le-Duc Auxone- - Mâcon - Molay - Savigny - Semur-Sens) fari tion kiel eble plej baldaŭ.

## ESPERANTO-KONSULOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn informojn de la Esperanto-Konsulej (Kreo, organizo, specialaj servoj farataj de ili, k. c.) kaj la anoncojn de la personoj, kiuj petas la servojn de la Esp. Of. Ni instigas ĉiujn konsulojn ke ili profitu tiujn favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

### OFICIALA INFORMILO

**Beaume** (Côte d'Or-Francujo), — Esperanto-Oficejo *sendas* senpagan kvarpagan gvidfolieton ; *vendas* esperantistajn markojn, necesajn por pagi malgrandan sumon (1 marko, 2 Spesdekoj) *tradukas* la korespondajojn de komercistoj ; *donas* informojn pri la mendo de bonaj vinoj, Sin turni al : Esperanto-Oficejo, Place de la Halle ; Sro Piot, *Konsulejo E* Kue Carnot kaj aldonu per *markojn* la poŝtelspezon de la sendo.

**Le Creuzot** (Francujo) — Esp.-Oficejo, 20 place Schneider donas senpagan gvidfolion, vendas Esperantajojn (ilust. kartoj de la fabrikejoj). Merkredon vespere, esp, kunvenoj ĉe kafejo Morrot, rue d'Autun.

**Châlons s/S.** (Francujo). — Esp. Oficejo, ĉe Fino Blanchard, Boul. de la République. Gvidlibro, esperantajoj k. t. p.

**Bradford** (Anglujo). — Konsulo : A. T. Priestman, 12, Exchange Building.

**Dover** (Anglujo). — Konsulo : J. M. Finey, Admirality House.

**Liverpool** (Anglujo). — Esp.-Oficejo, 7 Berry Str. Vizitebla ĉiutage (vespere, marde et vendrede). Vendas Esperantajojn, abonigas Esp. gazetojn, liveras ĉiujn informojn. Oni petas, ke ĉiu Esperantisto uzu al la oficejon kaj librejon kiom eble plej multe kiel ejon por la profito de samideanoj.

**Reims** (Francujo). — Esp.-Oficejo, 5 Place Royale (telefono 436), Chauvillon, Konsulo Liveras ĉiujn informojn pri letere pri Reims kaj la regiono : turismo, komerco kaj esperantismo.

**St-Etienne** (Francujo). — Esp.-Oficejo: Taverne Alsacienne, place Marengo. Komerca sekcio de la grupo estos baldaŭ fondata.

**Vesoul** (Francujo). — Konsulo : Sro M. Girardot, negocisto, 1, rue la Gare.

**Seattle** (Was. Usono). — Konsulo : Sro Ch.-E. Raudall zorgas pri ĉiuj aferoj, komercaj, sociaj, k. c. en Seattle kaj Pacifika marbordo.

**Roubaix** (Francujo). — Konsulo : Sro A. Denis, 86, rue du Moulin.

**Valence** (Francujo). — Konsulo : Sro S, Delfour, Kolegiestro.

**Amiens** (Francujo). — Konsuloj : Sro Saquez, industriisto 17, impasse des Saintes-Claires ; Sro Searle, Kastelo de Bontillerie.

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.** — La I. S. E. J. havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn kun certeco trovi tie korespondanton, unuvorte unuigi la Esp. juristojn de ĉiuj landoj. La jara kotizajo kostas 15 m. ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. por ĉiuj informoj, sin turni al Sro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-sur-mer (Francujo).

### OFICIALA INFORMILO.

1. **Novaj aliĝoj.** — *Italujo.* — S. Ferrazzani via, 26, Piazza Dante. Napoli.

*Francujo.* — Daupas, avoué, Aubusson ; Gorin, avoué. Bordeaux ; Gouffier, avoué, Nevers ; Le Calloch, avoué, Brest ; Saint-Fé, avoué, Toulouse ; Seipol, avoué, Lyon (delegito por la Apelacia kortumo de Lyon) ; Haye, avoué Pontoise ; Nicole. helpjuĝisto ĉe la civila juĝistaro, Béthune ; Rousiy, helpjuĝisto de paco, 73 rue Libergier, Reims.

*Belgujo.* — Brunet, avoué, 77, rue Van Artevelde, Bruxelles.

# FELIETONO

## Antaŭen al justeco

*(19 epistoloj dum la Haaga konferenco)*

DE

K. P. ARNOLDSON.

I

### PACIENCO

La grandfarajoj de l'homo malrapide progresas, simile al tiuj de l'naturo-neniam salte, ĉiam grade, paŝo post paŝo.

La pacregno ne konstruiĝas en unu tago ; ĝi bezonas tempon ; ĝi bezonas laboron, multan laboron dum centjaroj.

Ni atingos la landon de l'feliĉo per pacienca laboro, ne per mirakloj ; memforigante la barilojn, ne lasante al ni Moses konduki nin tra la Ruĝa maro.

Unue estas demando pri malgrandajoj, poste pri aferoj, pli kaj pli gravaj Unue la barketo de la homo maltrapide glitas antaŭen. Poste la homo lasas la venton plenigi la velojn de l'barko. Kaj plue ĝi eltrovas novajn tortojn. Ĝi rapidiras tra tero kaj maro kaj aerveturas alte super la nuboj.

Tio ĉi estas la progresoj de l'homaro kiel tuto. Venas el ĝia naturo kaj ĝiaj evoluciaj leĝoj.

La nacioj naskiĝas kaj pereas. La homaro daŭras. La unuaj ŝanĝiĝas. Kiel la ondoj de l'fluo. La lasta restas kiel la fluo mem kun siaj neniam sekiĝantaj fontoj.

Tamen neniu ondo estas vana, ĉar ĝi nur ne devas plenumi sian taskon en la granda, ĉiamomente antaŭen ruliĝanta fluo.

Sed Ruĝa maro jam ne malfermiĝas kaj sin ŝlosas por iu ajn popolo. Neniuj malmolaj ŝtonegoj kompateme fluegigas akvon al soifanta popolo. Koturnoj ne jetas sin malsupren en ĝian ripozejon por ke ĝi servi kiel manĝajo. La ĉielo al ĝi ne pluvigas manron kaj ne muntras ĝin per anĝela pano. Kaj la tero ne malfermas sian buŝon por engluti la malamikon.

Tutaj nacioj eble ankoraŭ dronos en ruĝaj maroj. Car nur malrapide la ĉiuhomaj ideoj estos komprenataj. Sed nenia potenco de l'mondo povos malhelpi al ili antaŭeniri kiel la alfluo kaj forfluo de l'oceano.

Per sia laboro vivas la popolo, kaj kune kun ĉiuj aliaj popoloj ĝi laboras por la progresado al prospereco kaj kulturo

Eden ne kuŝas post ni generacio en magia lu brilo La idealo de pli bona ordo de l'aferoj kuŝas antaŭ ni en la sunbrilo de l'efektiveco.

Tien atingos la homaro Sed ĝi fariĝos la rekompenco de la peno, ne de la batalo.

*Esperantigis.*
G. BACHMAN.

### Legendo pri la Lilio

La feino de la floroj estis eta feino, sed ĉarma en sia gracia robo, formita per rozaj florfolietoj, kaj ĉiam ridema sub sia ora hararo, en kiu de roso dissemitaj brilegis ziel diamantoj.

Si vivadis inter floroj ĉiuspecaj, kiujn ŝi, amegis, kaj kiuj, por ŝi, gardis sian plej delikatan parfumojn.

Gis nun, nenio konfuzis ŝian kvietan vivadon. Nu, ian nokton, kiam ŝi dormetis sub protektanta foliaro de violeto, grandegulo trapasis la bardenon, kun la piedoj sia ruinigis, kaj, per sia grandega pied nevole premis la floron kaj la etan feinon. Nur la luno, kiu prome, nadis tra la ĉielo, ĉirkaŭita de l'oraj steloj, rimarkis ĉi tiun rapidan dromon.

La morgaŭan tagon la tuta gardeno estis brulega. La malgajaj kaj silentaj birdoj entombigis la feineton. La postvivantaj floroj verŝis rosajn plorojn, kaj, sur siringa branĉo, najtingalo kantadis por la mortintino dolĉan belsonan himnon.

Kiam li jus ekkantis la lastajn sonojn, oni subite ekvidis elirantan el'la tero, el la korpo de la feino ripozis, floron belegan. kiu balanciĝis je l'ekstremajo de verda trunketo, kaj kiu, je blanketo senmakula, dissutis tra l'aero dolĉegan parfumon. Estis l'animo de la feino de l'floroj.

*Originale verkita de Sro A. Vinceneux.*

### La kvar koboldoj

Kvar etaj koboldoj, iam nokte, ludis sur vasta stepo, kovrita de oraj stipoj. La luno grandega iam karesis de siaj bluaj radioj ; kajili, feliĉegaj vivadi, cancadis kaj kantadis.

Subite, ili ekvidis malamikon viron, kiu dormis sur la malvarma tero, kaj ŝajnis malfeliĉa sub siaj ĉifonaĉoj. Tuj kompatemaj al la malfeliĉegulo, ili alpaŝis al li, kaj ĉiu tiu palpis per sia magia vergeto.

La malfeliĉulo tuj aliformiĝis ; liaj malpuregaj ĉifonaĉoj subite belegaj vestos fariĝis, kaj multej peza saketo, plena je oro, pendis je lia zono. Li ankoraŭ dormadis, tiel kviete, dum kiam la kvar etaj koboldoj, feliĉaj pro sia bonfaro, lin rigardis ravece.

Kaj kiam la suno leviĝis, la kvar koboldoj malaperis en siajn subterajn domon, dum kiam la dorminto vekiĝis ; ĉi tiu, blindigita de sia subita riĉeco, dankegis, mallaŭte, la geniojn de la nokto.

*Originale verkita de S-ro A. Vinceneux.*

*Skotujo.* — Eam. L., solicitoro, Wanender Pask Rd 134. Edinburgh; Dishart John, solicitoro, Panmure Place 13, Edinbérgh.

II *Ordeno.* Nia societano Sro Daniel, ĝenerala prokuroro ĉe la Apelacia kortumo de Rouen. (Francujo) estis kreita « oficiro » de la « Honora Legio », kies nia majstro kaj honora prezidanto Zamenhof estas « kavaliro ». Al li ni prezentas niajn tre sincerajn kaj korajn gratulojn.

III. *Niaj artikoloj,* — Ni atentigas niajn societanojn pri la artikoloj pri la juĝa organizado, kiujn ni komencas publikigi en tiu N°. La informojn pri la naciaj juĝorganizadoj oni sendu al S-ro Degon, 17, rue St-Eloi, Douai (Francujo).

**Internacia Scienca Oficejo.** — La Internacia Scienca Oficejo, en Genevo, komencas de nun la ellaboradon de la teknikaj diversfakaj vortaroj. Niaj legantoj trovos en aparta suplemento de nia gazeto, enmetita en ĉi tiu N° ĉiujn detalojn pri tiu ĉefgrava entrepreno kaj ni varme instigas ilin kunlabori laŭpove per la iom-post-ioma efektiviĝo de tiu vasta tasko,kiu pli ol ĉio akcelos la enkondukon de Esperanto en la sciencajn rondojn.

**Internacia Unuiĝo de la Studentoj.** — La I. V. S. celas: 1e la uzadon kaj disvastigon de Esperantor inter la studentaro; 2e la alproksimiĝon kaj interkomunikiĝon de la studentoj el ĉiuj nacioj. La jara kotizaĵo estas Sm. 1 40. Porĉiuj informoj sin turni ol Sro A. Vincenneux, Lycée de Troyes (Franonjo) kaj kotizaĵojn oni sendu al: Sro R. Sakovic, Espero, Fikolaevskaja 33, lg. 24-Peterburgo (Rusujo) La anoj de la I. U. S. ricevas senpage la jurnalon *Esperanto.*

# ANONCETOJ

## TARIFO

*Korespondado.* — Ĉiu enskribiĝo kostas 20 spesdekojn (fr. 0.75; 7 d.; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj; la litero L. montras korespondadon per leteroj; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj et proponoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 18 spesdekojn (fr. 0 25; 5 d.; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40 4 d.; m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, ĉu al nia administraco, ĉu al niaj lokaj agentoj aŭ al la Eseranto-Oficejoj. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ĉiu anonceto, ne akompanada de monsendo, de estos empreaata. La Esperanto-Oficejoj estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

⁂

### Korespondado

*London* (Anglujo). — S-ino P. Lewis, 11, Grosvenor Rd-Chiswick. P I.

*Superaguy* (Brazilujo). — S-ro M.-A. Costa Pinto. P I.

*Banka-Voronej* (Rusujo). — D-ro A.-A. Romanov (pri kuracistaj aferoj).

*Rotterdam* (Holando). — S-ro G. Allard, Hoofstegg, 1222.

*Arras* (Francujo). — S-ro Branquaat, Ecole Normale P I.

*Roanne* (Francujo). — Sro Blanc et Truchon. Lycée de Roanne (Germane kun fraŭlinoj).

*Pskov* (Zaveliĉje-Rusujo). — S-ro V. Jackontov.

*Roskild* (Danujo). — S-ro W. Raith, Straho tans. PI.

*Staplehurst* (Anglujo). = S-ro E.-R. Bugden (pri abelkulturado).

*Rio-de-Janeiro* (Brazilujo). — S-ro L. Trinas, Contabilidade da Guerra. P. L.

*Parizo* (Francujo). — S-ro Melo, 32, ru de Montmorency. P.

*Dresden* (Germanujo). — S-ro Richter, Düppelster, 8. PI.

*Beaune* (Côte-d'Or. Francujo). -- S-ro Morizot, Ste generale. P.

*Odensee* (Danujo). — S-ro Ernst Jensen, Hojskolehjemmet. PI.

*Bilbao* (Hispanujo). — S-ro V. Apraiz, apartado, 98. P. P. M.

*London* (Anglujo). — S-ino E. Thomas, 29. Henrietta St-Hackney. PI.

*Odensee* (Danujo). — S-ro Carlsen, Bülousvej. P. I.

*Sabadell* (Hispanujo). — S-ro H. Marti, Str. Lavadero, 22. PI.

*Falun* (Svedujo). — S-ro C.-G. Matern, Trotsgatan, 16.

*Chartres* (Francujo). — S-ro Thibault, 32, rue Saint-Pierre.

*Roanne* (Francujo). — F-ino Lameunière, 21, rue Beaulieu. P.

*Odensee* (Danujo). — S-ro L.-P. Larsenz. Testergade, 40 II. P.

*Odensee* (Danujo). — S-ro S. Hoiruyn. Set Knudsgade, 30. P.

*Tacoma* (Wash. U. S. A.). — S-ro J.-W. Wood. P. L.

*Karlstad* (Svedujo). — S-ro Sjögren, O. Herrh, 36 b. P. I.

*Parizo* (Francujo). — S-ro Prime Paul, 89, avenue d'Italie. PI.

*Charleville* (Francujo). — S-ro A. Debray, avenue Flandre. P.

*Tacoma* (Wash. U. S. A.). — S-ro J.-L. Adams. P. L.

*Odensee* (Danujo). — S-ro J. Mortensen. Vestergade, 19. PI.

*Bilbao* (Hispanujo). — S-ro Erciso, apartado, 98. P. P M.

*Kemptlal* (Svisujo). — K. G. Müller, PI. PM.

*Zbica Kaliska* (Rusujo). — B. Gluchovski, PI (ĉefe kun elementaj instruistoj).

*Zgierz* (Piotvkgub, Rusujo. Sro F. Knapski. PI.

*Nässjö* (Svedujo). — Sro Wald. Prior, PI. PM.

### Petoj et proponoj

*Malnovaj jurnaloj.* — G. Davidov, Rusujo, Saratov, kesto, 12, deziras aĉeti:
1. « Cilio Esperantista » pagos po 50 centimoj por ĉiu n-ro (por ĉiuj jaroj). 2 « La Pioniro » india, pagos altan prezon. 3 « Esperanto » de San ander, pagos altan prezon 4. Librojn n° 3, 4, 8, 9, 13 22, 23, 25, 20, 32, 34, 39, 40.

**Bibliofiloj** — S-ro Philippe (agento de « Esp »), en Auory, Nord (Francujo) dankas la multajn respondintoj al U. B; kiuj baldaŭ ricevos provan N-n de l'nova esperanta gazeto kun plenaj klarigoj pri l'*Unuiĝo de bibliofiloj*.

**Instruado** — Sinjorino, kiu loĝas en agrabla urbeto apud London, akceptus ĉe si alilandulojn, kiuj deziras lerni la anglan lingvon. Familia vivo kaj lecionoj Prezo laŭ petoj. Skribu al S-ino Aambly, Harrow view Vealdstone (Anglujo).

**Poŝtkartoj.** — Sendu 80 spesdekojn al S-ro Pion. Sté Générale, Beaume (Côte-d'Or Francujo) kaj vi riĉevos belan kolekton da 13 ilust. kartoj esp. de Beaume.

**Grafologio.** — S-ro de Vries, Zauriergracht, 108, prijuĝas la karakteron laŭ portreto kaj manskribo. Simplaj prijuĝoj sm 1.20; detalaj prijuĝoj sm 2 40

**Propagandilo** — Mendu tuj senpagan specimenon de propagandmarkoj el Esp. grupo, Düsseldord (Germ.); sekr. B. Luis, Kronenstr. Agentoj serĉataj.

**Esperantejo** — 151, faubourg Poissonnière, Parizo. Konstata rendevuejo de la Esp-istoj. Interparolado, biblioteko, ludoj.

**Reprezentado.** — S-re Ch. Shriewer, Esp.-konsulo, Moresnet (neŭtra teritorio) reprezentas ĉiuspecajn komercaĵojn en Belg. et Germanujo.

### Komercaj reklamoj

**Esperanto-Eldonejo.** -- K Jost, Fröhlichstr., 40, Zürich (Svisujo). Al ĉiuj esp-istoj, estas rekomendata *Esperantista*-Kontaro, 13 kantoj por 4 voĉoj miksitaj Peso 40 sd

**Hotelo Coomans.** — Hoofstegg, 1222, Rotterdam (Holando). P. S R.

**Tra la Esperanta Literaturo.** — 50 elĉerpaĵoj el malsamaj esp. verkaĵoj, kolektitaj de P-ro L Giambene. Vendebla de l'autoro: 198, via Bubuino *Roma*, fr. 114 afrankite).

**Arta portreto de D-ro Zamenhof** — Ricevebla po 5 fr. (granda) kaj 3 fr (malgranda) de S-ro Caudevelle, r. des Carreaux, Boulogne-s-M.

**Esperantine** — Digestiga likvoro Prezo; fr. 11.60 kesto de 2 boteloj. Tenejo: J.-B. Chauvet-Brunon, St-Etienne (Francujo).

**Vino Mirinda.**, konata de ĉiuj Esp-istaj rondoj. Sin turni al S-ro Jadcau, Mercurey (S. et L.), Francujo.

**Poŝtkartoj** — Fino Viale, instruistino 1: Place du Marché, Roanne (Francujo) petas la gesamideanojn, kiuj ricevis poŝtk. desr, ke li bonvolu respondituj, almen unu fojon. PI.

**Alvoko.** — Ĉiuj samcelanoj estas petataj sendi Spesmilon aŭ duonon por aĉeti ion (laŭla monoferado), kiu estas enskribata en nia kara lingvo kaj iam uzata en la Konstruota preĝejo de Sta-Heleno Sendu ne-uz, poŝtmarkojn al: Pastro J.-F Schaw The Rectory, Eyam. *Sheffield* (Anglujo). kiu danke respondos.

**Rozarbetoj.** — S-ro Philibert Moussier rozkulturisto, Vienne (Isère, Francujo) kiel reklamon, sendos al la esperantistoj poŝtan paketon da 3 kg enhavanta de 10 ĝis 15 belegaj diversaĵoj de *Rozarbatoj*; po poŝtmandato da 5 frenkoj (2 Sm). Kesto de l'transporte plie.

## Belega Surmura ĉiumonata

### Almanako por 1908

Kun nomo de ĉiùtagaj sanktuloj, diverskolora alegorio kaj bela portr etc de D-ro Zamenhof.

Prezo: polekzemplero fr 0,50 afrankite
» 10 » » 3,50 »

Sin turni al « Espero Kataluna » (Kataluna societo por propagandode Esperanto). Paradis 12, pral Barcelona (Hispanio).

## LIBRAIRIE DE L'ESPERANTO

### Internacia Esperantista Libreje

**15a, Rue Montmartre — Paris**

**rekomendas al la esperantistaj kantistoj kaj**

## MUZIKISTOJ

*La sekvantaj verkojn:*

**MUZIKO POR FORTEPIANO**

| | | Fr. | Sm. |
|---|---|---|---|
| 136. | BERNOT (L.). — Marŝo franca... | 2.50 | 0.99 |
| 137. | BERNOT (L.). — Marŝo Hispana. | 2.50 | 0.99 |
| 138. | BERNOT (L.). — Marŝo rusa.... | 2 50 | 0.99 |
| 744. | DE MENIL. – La Espero ....... | 0.50 | 0 20 |

**ROMANCOJ, MELODIOJ, KANZONOJ**

| | | Fr. | Sm. |
|---|---|---|---|
| 821. | BENDIX (V). — La Kapelo, poezio de Uhland, trad. L. Zamenhof ... | 1 25 | 0.50 |
| 703. | BERNOT (L.) — Mortiga Espero. | 2.— | 0.79 |
| 783. | BESNARD (A.). — La Barketo (barkarolo), poesio de E. Abraham | 1.50 | 0.60 |
| 690. | DESHAYS La vojo (p. de L. Zamenhof) ...... | 0.35 | 0.40 |
| 693. | FJODOROV (B.) En Nord' unu pino (p. de Lermontov, trad L. Zamenhof) | 1.— | 0.40 |
| 695. | FJODOROV (B). — Libeloj (p trad. A Fjodorov) ........ | 1.— | 0.40 |
| 179. | FJODOROV (B.). La nimfo (p. de Lermontov, trad. A. Fjodorov) ... | 1.50 | 0.60 |
| 707. | GLINKA (M.). La novastelo (p. trad. A. Fjodorov)......... | 0.75 | 0.30 |
| 710. | GLINKA (M). Lulkanto (p. de Kulkonik, trad. A. Fjodorov)........ | 1.— | 0.40 |
| 711. | GLINKA (M,). Kanto de Margareto (el « Faust », trad. Hofman)...... | 1.25 | 0 50 |
| 781. | GOTHARD (Johano). Pato nia (ĥoro por soprano, aldo, tenoro kaj baso) | 1.50 | 0.60 |
| 713. | GUIVY (Josée). Ho mia kor' (p. de L Zamenhof). ........ | 1.— | 0 40 |
| 715. | GUIVY (Josée). Birdoj, forflugu (p. trad M Seynaeve). ......... | 1.60 | 0 64 |
| 716. | GUIVY (Josée) En Songo (p. de Heine, trad. L Zamenhaf). ..... | 1.60 | 0.64 |
| 741. | HARRIS (Herbert). Mi aŭdas vin (p. de L. Zamenhof)........... | 2.— | 0.79 |
| 743. | MABON (Ch. B) La gaja migranto (p. de L Zamenhof)........... | 0 60 | 0 24 |
| 718. | DE MENIL Bluaj okuloj (melodio) | 1.— | 0.40 |
| | DE MENIL (F.). La Espero (p. de L. Zamenhof). | | |
| 720. | DE MENIL. a) ĥoro kun piano.... | 1.— | 0 40 |
| 721. | DE MENIL. b) por mezosoprano aŭ baritono ................ | 0.50 | 0.20 |
| 722. | DE MENIL c) por ĥoro viravoĉa, sen akompano ........ | 0 75 | 0 30 |
| 745. | DE MENIL d) ĉiu partio, aparte.. | 0 25 | 0.10 |
| 677. | RIGOIR (L.) En songo (p. de Heine, trad L Zamenhof) ........ | 0.75 | 0.30 |
| 698. | RIGOIR (L.). Kristnasko (p. de Th. Gautier trad. G. Philippet) ..... | 1 50 | 0.60 |
| 696. | WACHS (Paul). Flugintaj revoj .. | 2 — | 0 79 |
| 765. | ***. Esperantista Kantaro (13 kantoj | 1 — | 0 40 |

Oni sendu la monon kun la mendo, aldonante 10 % por le poŝtelspezoj.

La Librejo sendas *senpage* sian plenan katalogon kaj ricevas abonojn por *ĉiuj* gazetoj en la mondo.

FELIETONO DE "ESPERANTO" 1

# LA LIBRO DE ESTER

**Originale verkis**

**A. KOFMAN**

La rakontataj fariĝoj okazis dum la regado de Ahaŝveroŝ, persa potenculo, kiun la grekoj nomis Ahasveros aŭ Kserkses. Li regis super cent dudek sep landoj, de Hindujo ĝis Etiopujo, kaj la kaŭzo, kial li regis super tiu ĉi nombro de landoj estas, ke li edziniĝis Ester'on: Ester devenis de Sara, kiu vivis ĝuste cent dudek sep jarojn. Ahaŝveroŝ, granda reĝo, estis granda drinkulo kaj idolano, sed malgraŭ tio lia nomo konserviĝis en la analoj de la Sanktaj Libroj, ĉar li estis la instrumento de Dio por la savo de la hebreoj. Jen parabolo por tiu ĉi circonstanco. Unu fojon ĉevalo kaj hundo parolis inter si, kaj la ĉevalo diris: « Mi ne komprenas nian mastron. Mi, ĉevalo, laboras la tutan tagon, kaj ci, hundo, gardas la mastrumon la tutan nokton, sed malgraŭ tio ni estas duonsataj dum nia porko, kiu nek laboras nek gardas, estas nutrata preskaŭ ĝis krevo. Ho, justeco, kie vi estas? — « Ci eraras, ĉevalo, diris la hundo, la porko efektive ne laboras, sed atendu? Baldaŭ la mastro buĉos ĝin kaj faros el ĝi ŝinkojn kaj kolbasojn. Mi ricevos la intestojn, kaj ci havos bonan brosilon de la porkaj haregoj ». De tiu ĉi parabolo sekvas ke Ahaŝveroŝ estis konservata por difinita celo: efektive, kiam li plenumis sian mision, li estis mortigita de sia gardistestro Artaban. Se la reĝoj pensas, ke ili estas naskitaj por si mem aŭ por plenumi siajn proprajn projektojn, ili simple eraras: la homoj projektas, kaj Dio direktas; la porko povas sin apartenigi al Parnaso, sed ĝi ekzistas por ŝinko kaj kolbaso.

I

En la tria jaro de sia rego la reĝo Ahaŝveroŝ faris en la ĉefurbo Suŝan festenon al siaj princoj kaj servistoj, al la satrapoj de Persujo kaj de Medio, ekmontrante antaŭ ili la riĉecon kaj la gloron de sia regno. Tio ĉi daŭris cent okdek tagojn, ĉar en malpli da tempo tiom da riĉaĵoj ne estis montreblaj. Post tio ĉi la reĝo faris novan festenon, daŭre sep tagoj, en la ĝardeno de sia palaco, al la tuta popolo, kiu estis en Suŝan, al la plej eminentaj urbanoj kaj al la plej simplaj. En la ĝardeno estis aranĝitaj por la gastoj oraj kaj arĝentaj litoj sur pavimo de marmoro blanka, ruĝa, blua kaj nigra. Inter la arboj pendis multkoloraj kurtenoj. La trimevazoj kaj la manĝopladoj estis ĉiu de diversa formo, ĉar, akiritaj milite en Egiptujo, Judujo, Izraelujo, Indujo, Grekujo kaj aliloke, ili portis la karakteron de malsamaj moroj, uzoj, kutimoj kaj epokoj: ĉiu venkita popolo povis konsoliĝi, sciante ke ĝia riĉaĵo ne sole ne perdiĝis, sed ankoraŭ iris riĉigi la belegan trezorejon de Persujo.

Sur la pladoj vidiĝis manĝaĵoj de la plej delikala sortimento laŭ la nobela gusto: kameia ĝibo en sauco de kuirita fiŝo, viando de graveda azenino, garnita de rostitaj akridoj, marinitaj raŭpoj de papilioj pudritaj de maiza faruno, hepatoj de maljunaj katoj, naĝantaj en la lakto de kampaj ratinoj. Tiuj ĉi viandoj alternis kun diversformaj kuiraĵoj de tritiko, de maizo, de sekalo, de sorgo, de rizo. Kio rilatas la trinkaĵojn, oni ilin havis de vinberoj, de fermentita mielo, de hordea kaj de maiza malto, aŭ de infuzo de diversaj fruktoj, Oni donis al ĉiu trinki, kiom li povis, ĉar la reĝo intencis neniun peti. Ne! La reĝo nur esprimis la deziron. ke oni neniun rapidigu malplenigi la pokalon por liberigi ĝin kaj transdoni al la najbaro. Oni ne havis bezonon devigi al trinko, ĉar oni havis sufiĉe da vinvazoj, laŭ la supra dirito.

Ankoraŭ pli malsamaj estis la gastoj. Oni vidis tie asirojn, babilonanojn, hindojn, egiptojn, hebreojn, kartagenanojn. grekojn, arabojn, samnitojn, inter kiuj estis princoj kaj pastroj, militistoj kaj astrologoj, profetoj kaj medicinistoj, sorĉistoj kaj satrapoj. Apud ĉiu gasto staris knabo, kiu ornamis la kapon de sia servato per girlando de rozoj, de mirtoj, de hedero. Sed estus senutile voli plue priskribi la dekoracion, la manĝaĵojn kaj la gastojn. Se la arbaraj branĉoj transformiĝus en skribinstrumentojn, la maraj en skribfluidaĵon, la tuta tero en skribfolion, tio ĉi ne sufiĉus por prezenti la belecon de la festeno. La nedireblo ne estas direbla.

III

La festeno estis belega. La manĝado kaj la trinkado estis spicataj de paroladoj edifaj kaj amuzaj, solenaj kaj gajaj, La reĝo sidis sur la trono de Solomono la Saĝa, transportita de Nebukadnecar el Jerusalemo, kaj lia koro ĝojis, kiam li aŭdis la prudentoplenajn parolojn de la eminentaj gastoj. Oni faris konkursojn inter la sciencistoj pri diversaj noblaj temoj: unuj demandis, aliaj respondis.

— Kial Dio igas lumi la sunon tage, kaj la lunon nokte? demandis babilona mago al persa astrologo.

— La taga suno estas signo por la tagmanĝo, kaj la vespera luno estas signo por la vespermanĝo! respondis la perso.

— Sed kial la lumo de la luno estas pli malforta ol tiu de la sumo? demandis la babilonano. konfuzita de la lerta respondo.

— Se ambaŭ lumoj estus egalfortaj, oni ne scius diferencon inter la tago kaj la nokto, la homoj sin donus al la amo daŭre dudek kvar horoj kaj mortus de trostreĉiĝo.

La aplaŭdoj de la amaso estis tiel bruantaj, ke la mago ĉesis demandi kaj malaperis inter la gastoj.

Post la mago kaj la perso leviĝis hinda sorĉisto, kiu vokis al disputo egiptan teologon.

— Kial la egiptaj ĉevaloj konsentis eniri la akvon de la Ruĝa Maro dum via faraono persekutis la hebreojn? demandis la hindo, ne timante politikan temon.

— La egiptaj militistoj rajdis ĉevalvirojn, kaj Moiso, kiu sciis tion, pretigis sur la kontraŭa bordo ĉevalinojn, kiuj laŭte blekis.

Tiu ĉi respondo montris, ke la egipta teologo ne estis malsaĝa. Tiam la hindo provis fari alian frapon.

*(Daŭronta).*